# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 07/02/2014 Cent kvindekunua Eldono 08/02/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 273** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj



**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.



## Ripozu en paco, Alida

Estas kun granda bedaŭro kaj malfeliĉo ke ni anoncas la forpason de Alida Leereveld, la 6an de Februaro 2014. Alida, la edzino de Marcel atingis 91 jarojn, kvankam ŝia sanstato malpliboniĝis antaŭ kelkaj jaroj. Ŝi lernis Esperanton kiam ŝi estis juna virino kaj bone kaj bele uzis ĝin. Ŝi instruis la lingvon en la Melburna Esperanto-Societo dum multaj jaroj kaj restis vigla membro ĝis antaŭ nelonge. Ni ofertas al Marcel kaj al ŝiaj familianoj niajn profundajn kondolencojn.

Heather Heldzingen

P.S. Mi skribos pli pri ŝia vivo en venonta eldono.

## Q.I. Kiu lingvo estos la universala lingvo?



Pasintan vesperon, la 5an de Februaro, Stephen Fry parolis iomete en Esperanto, (kun bona prononco).

La programo estis iom pri la estonteco kaj ili diskutis pri kiu lingvo estos la universala lingvo.



Heather Heldzingen



# Estontaj kompetentaj Esperantistoj

## aŭskultas la Retradion ĉiun tagon

http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html 01/02/14

elsendita Kafejo laŭ tempo

La precize laŭminuta pagado de restado en kafejo - kio sonas stresiga, tio en Rusio evidentiĝis kiel vera trafo de vendado kaj kiel tempoazo en urĝema mondo. Temas pri laŭtempaj kafejoj, en kiuj la vizitantoj pagas nek por kafo nek por kuko, sed ekskluzive por la tempo kiun ili pasigas en agrabla etoso de kvazaŭ hejma tagĉambro.

ktp ktp ĝis

Kaj precipe en Moskvo multaj homoj devas kunvivi en tre malgrandaj loĝejoj. Tial estas aparte aprezata kvieta loko por renkontiĝi kun geamikoj, por legi aŭ por ajne malstreĉiĝi - sen senti la daŭran premon mendi konsumaĵon. Kaj tio ŝajne ankaŭ validas simile por Londono kie la nova kafejo furoras.

Ctrl+alklaku la ligon, kaj aŭskultu



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

1a Februaro: venis ses, Eunice, John, Steven, Roger, Chris, kaj Ian. Ĉiam bona kunveno

Poste Steven kaj Ian venis regardi mian fiŝujon, ĉe mia domo

# El Hungario

Kara Margaret, saluton el Eŭropo. Ni alvenis al Hungario antaŭ unu semajno post unumonata vojaĝado en Aŭstralio, Koreio kaj Aŭstrio. Ni fartis bonege en Aŭstralio kaj ni sincere dankas al vi por la ebleco renkonti vin en Canberra.

Danke al la kongreso ni bone konatiĝis kun la vidindaĵoj de la Aŭstralia ĉefurbo kaj gustumis bongustajn manĝaĵojn en la Ursula Hall restoracio.

Ĉion bonan deziras al vi por la nova jaro Gabor kaj Elisabet

# Moderna arto: kio ĝi estas kaj de kie ĝi venas?



La unua parto de la prelego de Jonathan Cooper el Aŭstralio en la

Internacia Kongresa Universitato de la 97-a Universala Kongreso de Esperanto en Hanojo la 3-an de aŭgusto 2012.
https://www.youtube.com/watch?v=1BMSDD37v7k
informis Nicole

# Duong Tu Kieu

## Impresoj el HoChiMinh Urbo



Dank'al la subteno de Sinjoro Marcel Leereveld, mi estis invitita al Aŭstralio por tri semajnoj, por partopreni en la Aŭstralia Esperanto-kongreso, inkluzive partoprenon en la Somera kurso, en la urbo Kanbero.

Kaptinte la bonan okazon, mi vizitis S-inon Franciska TOUBALE en Melburno. Ŝi multfoje instruis Esperanton al Vjetnamaj esperantistoj en Hanojo kaj HoChiMinh urbo.

La unuan tagon, mi interesiĝis pri la ĝardeno de Bernie, kiu entuziasme prezentis al mi multajn interesajn aspektojn de la vivo de abeloj . Estas tre interesa kaj profita laboro.

Laŭ mia deziro, mi ĉirkaŭ ekskursis kun ili. Unue, mi vizitis la oficejon de Radio 3ZZZ, kie oni propagandadas pri la Esperanto-movado en Aŭstralio, posttagmeze ĉiun lundon.

Due, mi ĝuis la Novjaron en Melburno. Belegajn artfajraĵojn mi vidis dum la momento de la noktofesto ĵus antaŭ la Novjaro. Kiaj belaj vidindaĵoj estas en makropo-lando!

Baldaŭ venis la tempo por veturi al Kanbero, kie okazis la Aŭstralia Esperanto-kongreso. Mi iom laciĝis pro la longa distanco inter Melburno kaj Kanbero. Sed kiam mi atingis Ursula Hall, la kongresejon, mi tuj sentis min tre feliĉa renkontiĝi kun novaj geamikoj-partoprenantoj, kiuj estis tre ĉarmaj kaj helpemaj.

En la interkona vespero, unue mi sole sidis ĉe la angulo de la ĉefhalo, ĉar miaj konataj Melburnanoj estis okupitaj por aranĝi kaj prepari la kongresan inaŭguron, sed poste multaj novaj geamikoj el diversaj regionoj de Aŭstralio kaj aliaj landoj venis konatiĝi kun mi. Mia koro varmiĝis je tiaj esperantaj sentoj. Ŝajnas, ke estis renkontiĝo inter malnovaj geamikoj delonge disigitaj.

La sekvantan tagon, okazis la solena inaŭguro de la Aŭstralia Kongreso kaj samtempe komenciĝis la Somera kursaro, en kiu mi partoprenis je la meza nivelo. Mi lernis multe pri Esperanta gramatiko kaj vortfarado. La kurso tre plaĉis al mi kaj mia lingvo-nivelo multe pliboniĝis.

Dum la kongreso, mi ĝuis la okazon amikiĝi kun multaj Aŭstraliaj kaj internaciaj Esperantistoj. Ili venis el diversaj landoj de la mondo, kaj certe ili estis fieraj reprezenti siajn landojn pri la specialaj trajtoj de ties kulturo. Mi havis tiom da geamikoj, ke mi ne povus memori la nomojn de la plejmulto!

Mi ankaŭ faris prezentaĵon pri la Vjetnama lingvo, kun multaj prezentitaj bildoj rilate al la Vjetnama alfabeto. Ĉie aŭdiĝis multaj temoj diskutitaj de la diversaj programoj: pri kulturo, pri historio, ne nur de Aŭstralio, sed ankaŭ de diversaj landoj de la mondo.

Mi vere admiris la riĉajn programojn kaj la fruktoplenajn kunvenojn.

Mi bedaŭris, ke mi ne povis partopreni en ĉiuj programoj, sed en la kongreso mi lernis multajn interesajn aferojn.

Mi ne nur spertis la vivon en Esperantujo sed ankaŭ gustumis bongustajn lokajn manĝaĵojn. La Aŭstralia Kongreso estis tre ege sukcesa dank'al la kontribuoj de multaj entuziasmaj Esperantistoj, kaj granda strebado kaj senripoza laboro de la plenumkomitato de AEA.

Post la kongreso, mi vojaĝis kun kelke da eksterlandanoj al Sidnejo, kie mi havis la okazon vidi la faman simbolon de Aŭstralio: la Operdomon. S-ro Daniel Kane gastigis min, ĉe sia domo, kie troviĝas granda biblioteko kun multaj valoraj Esperantaj libroj. Li volonte donacis al mi kaj al mia Esperanto-Asocio bezonatajn librojn.

Partopreno en la Esperanta Aŭstralio-kongreso helpis min progresi en mia daŭra vojo en la Esperanto-movado, kaj donis al mi ŝancon praktiki parolatan Esperanton. Mi esperas, ke mi profitos de miaj spertoj kaj la grandaj atingaĵoj de la kongreso, por apliki tiujn sciojn al la Esperanto-movado en mia lando.

Mia revo estas reveni denove al Aŭstralio. Mi esperas, ke tiu revo iun tagon fariĝos reala . Mi rimarkis, ke por plenumi ĉi tiun esperon, mi devas konstante agadi pli energie ol antaŭe, kaj mi nepre ne rezignu. Mi provos per mia tuta kapablo antaŭeniri.

En malmultaj vortoj, estas malfacile esprimi miajn impresojn pri via lando, la homoj kaj la neforgeseblaj memoroj dum mia vizito al Aŭstralio. Tamen, kun ĉi tiuj kelkaj frazoj, mi elkore esprimas mian dankon al ĉiuj Aŭstraliaj esperantistoj kaj neesperantistoj pro iliaj fervoraj helpo kaj prizorgo dum mia restado en Aŭstralio.

Koran dankon de Kieu el HoChiMinh urbo, Vjetnamio.

# Trevor Steele



Jen interesa intervjuo kun Trevor Steele, tamen en la angla.
http://blogs.transparent.com/esperanto/author-interview-trevor-steele/?utm_source=feedburner&utm_medium=rss&utm_campaign=languageblog&utm_content=esperanto Amike, Nicole



# Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

Mi aldonas du fotojn pri nia unua renkontiĝo por la jaro.
Ni bonvenigis niajn vizitantojn, Joanne kaj Peter Johns kaj Indu D. Thapaliya. Kun Alan kaj Jennifer Bishop ili esploris ankaŭ la plaĝojn de Torquay kaj Geelong je bela somera tago.



Amike John Adams Sekretario  Torquay Esperanto Coffee Club




.

## Esperanto-Domo

Esperanto TV uzos la Esperanto-Domon venontsemajnfine 8-9-an de Februaro por dokumenta filmo        Informas Roger Springer



## La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn,  6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane. (la 4an de marto estos nia jarkunveno)

"Por la unua kunveno en 2014, la Melburna Esperanto-klubo bonvenigis du novajn lernantojn, Joanne kaj Peter Johns kaj vizitanton el Nepalo, Indu Thapalia kiu prenis parton en la AEA kongreso en Kanbero.  Indu loĝas en Melburno dum monato kun nia membro Archana Joshi (ŝia nevino).



La ĉeestantoj estis: Ken Rolls, Karlo Egger, Carol Lutz, Joanne Johns, Peter Johns, Jennifer Bishop, Indu Thapalia, Esther Parris, Pamela Fenton kaj Heather Heldzingen."



Informis nin  Heather Heldzingen

## La 1-a Irana Esperanto-Kongreso: 24-26 Marto 2014, Tehrano



http://www.espero.ir/irek-1/

Paul Desailly intencas ĉeesti la Iranan kongreson venontmonate.  sendis Nicole

"Ĉio glate iras ĝis nun pri mia vojaĝo al Irano post ses semajnoj por partopreni la unuan Iranan kongreson de Esperanto sed ŝajne de nia mondoparto estos mi la sola samideano. Bonvolu konsideri anonceton en via revuo por ke pli da aŭstralianoj kaj novzelandanoj ĉeestu"     skribis Paul Desailly